# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto **18/08/2013 Cent dudek sesa eldono 18/08/2013** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer** **Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 257 RETADRESOJ**

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu. Fotoj bonvenaj.

## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

http://esperantareradio.blogspot.co.at/ Estas « RSS Feed »

Aliĝu 9 Aŭgusto 2013 **La lingvaj interesoj de Esperantistoj**




Kiu lernas Esperanton, tiu bezonas iun motivon por fari tion. Kaj kiu daŭre restas en kontakto kun la lingvo, tiu havas iun daŭran intereson pri la lingvo. Kiel ĉio en la homa vivo la gamo de eblecoj estas sufiĉe vasta. Do nek el socia vidpunkto, nek el lingva vidpunkto ekzistas "la esperantisto" kun uniformaj trajtoj.



Dum la unuaj jardekoj de Esperanto, do en la pionira fazo, eble tia uniformeco estis konstatebla. La movado tiam ja estis batalkomunumo. Sed en nia epoko tio certe ne plu estas la kazo. Dum tiuj unuaj jardekoj de la lingvo gravis montri al la mondo ke la lingvo estas taŭga por internacia komunikado. Komercistoj kaj industriuloj interesiĝis pri la lingvo, sed ankaŭ laboristoj vidis en la lingvo rimedon por internacia kunlaboro en la laboristaj sindikatoj kaj por tiel havi kontraŭpezon kontraŭ la internaciaj komercaj ĉambroj aŭ interesorganizoj de la industriistoj.

Esperantisto estis tiam pli funkciulo por iuj el tiuj interesoj kaj apenaŭ celis



praktiki la lingvon precipe por privata uzo. En la tiama epoko la eblecoj por privata aplikado de la lingvo estis tre limigitaj, ĉar nur tre malmultaj homoj povis vojaĝi eksterlanden. Restis ĉefe la korespondado. Oni ja povis havi korespondamikojn en la tuta mondo kaj tio por la tiama



epoko estis granda progreso. Kaj oni povis aŭdi la lingvon en radio.

Sed tiu fazo finiĝis post la monda ekonomia krizo en la jaro 1929 kaj aperis naciismo, faŝismo kaj la Dua Mondmilito. Post la milito ja estis mallonga reaktiviĝa fazo kiu tamen baldaŭ finiĝis kiam evidentiĝis ke la cirkonstancoj ŝanĝiĝis. Nek komercaj kaj industriaj organizaĵoj, nek ŝtatoj interesiĝis pri la enkonduko de Esperanto. Nur en la soveta influsfero post la morto de Stalin oni iom akcelis Esperanton kiel lingvon por internaciismo kaj tiel E-organizaĵoj kaj kluboj de esperantistoj povis funkcii sub ŝtata kaj ideologia kontrolo.

Sed ankaŭ tio finiĝis kiam la soveta bloko disfalis en la jaro 1990. De tiam Esperanto nenie plu en la mondo havas politikan signifon kaj apenaŭ ekzistas entreprenoj ekster la esperantistaj rondoj kiuj uzus la lingvon por internacia komunikado. Do hodiaŭ eblas apliki la lingvon por sociaj kontaktoj kaj por kulturo kaj kleriĝo.





Homoj hodiaŭ povas facile vojaĝi al aliaj landoj kaj havi "korespondamikojn" en moderna formo, ĉu per retpoŝto, ĉu per Fejsbuko. Tamen la moderna korespondado el lingva vidpunkto estas signife malpli ambicia kaj do por tie partopreni en supraĵa formo ne plu necesas longa lernado kaj tial apenaŭ eblas nomi tiujn homojn esperantistoj. Tio nur eblas se oni aplikas lingvan trukon: Se tiuj homoj estas adeptoj de "esperantismo" (kio ajn tio entute estas), tiam ili estas esperantistoj en la senco de "esperantismanoj".



Sed tio estas nur memtrompo. Por vivteni la lingvon necesas homoj kiuj publike parolas ĝin. Kaj la temaro estu larĝa. Tiel la Esperanta Retradio servas por vivteni la lingvon kaj la tradiciaj movadaj organizaĵoj devus aprezi tion kaj ankaŭ esprimi tiun aprezon. Mi esperas ke tio baldaŭ okazos.

## The forgotten universal language

trovis Nicole

Vidu http://www.youtube.com/watch?v=TFj6MCS-lUk

Franca familio    Angle, France, Esperante

# 86a SAT-Kongreso - Esperanto



Karaj,
Jen filmeto pri la kongreso de SAT en Madrido komence de tiu-ĉi monato. Inter la partoprenantoj vi povos vidi Franciska Toubale el Melburno.
https://www.youtube.com/watch?v=cWdrYo9akng
Amike, Nicole



## En la profundo - libroj kaj Esperanto

https://www.youtube.com/watch?v=Nw_wY66OMNw




## Se dancas la raben' - Jomo en SAT Kongreso

https://www.youtube.com/watch?v=xMBO8jrjYTU



## Du klasikaĵoj pri sennaciismo - libroj kaj Esperanto

https://www.youtube.com/watch?v=bB85sTa3Zc0



Bando Solfonica, SAT-Kongreso 2013 en Madrido
https://www.youtube.com/watch?v=CT_f2r_Y_9g



Zamenhofa Festo 2012 en la SAT-Amikara sidejo
https://www.youtube.com/watch?v=TThlDhQDmIU

# 70-a IJK - Reklamo #1: Unuaj Informoj

Jen bona filmeto por instigi partopreni en la venontjara IJK en Brazilo.
https://www.youtube.com/watch?v=DyQYNj7PJJ4
Amike, Nicole

# AE atendas raportojn kaj fotojn de Rejkjaviko

Ĉu vi iris kaj jam revenis? Informu AE pri viaj spertoj kun fotoj

Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj kaj via Esperantista familio ĝojos.

**Ĉu via grupo kunvenis?** Aktualan informon, mi enmetos en AE




# Propaganda sekcio

## 3ZZZ ( KVARA ) PARTO DE LA PREPARADO POR LA ESPERANTO-PROGRAMO EN RADIO



Mi menciis, ke nia programo komenciĝos la 26an de Junio 1989. En mia menso paneo ? Ni ne estas pretaj. Do mi tuj rezervis studion No 2, kiu estas nur por rekontroli programon kiu komenciĝos post 30 minutoj. La dato estas 15-Junio-1989, lundo. Mi venis frue kaj demandis en oficejo ke iu montru al mi kion fari. Nun ni estas en studio 2. Oni nur montris aparatojn jene : tio estas mikrofono, tio estas gramofono, tio estas bobenoj, tio estas panelo kun klavoj, mikrofono No 1, No 2 kaj No 3. Kaj jen vi praktiku plurfoje je ĉiu aparato kaj memoru vi bezonos tion.Tio estis mia komenco. Kiam mi venis hejmen mi telefonis al S-ro Ĉik Errol li estas radio-amatoro, mi pensis ke li devus esti sperta kun aparataro. Sekvan tagon venis ni ambaŭ kaj tiam diris Ĉik al mi, ke li ne konas tion, do mi montris tion kio estis dirite al mi. Li respondis, ni provu, mi sidas ĉe mikrofono kaj vi kontrolu la panelon. Li faris eraron, mi faras eraron. La tutan tagon ni klopodis. Eniris unu s-ro, mi petis ke li montru. Feliĉe li havas sperton jam el Egiptio, li laboris tie en radio (lia nomo estas Ĉerald) li montris praktike por ĉiu klavo kaj aparato, nun ni vidis kion li faris, sed nun ni devas praktiki. Tempo venis kiam alia grupo bezonos la studion. Ni havis unu semajnon por ekzerci bone. Intertempe, Ruth Tunnan organizis, ke komencu unuan programon Gesinjoroj

MacKlaŭdt el Ĝilongo, ili jam estas tie ĉe radio. Mi preparis mian planon. Sed mi lasis ilin prezenti sian, ili faris tre bone kaj en la teknika parto videblas ilia sperto. Por la unua programo al ni estas donitaj 15 minutoj, tre mallonge sed por ni estis bone por praktiki kaj organizi voĉan planon. Sed la reguloj diras ke ni devus havi muzikon ankaŭ, kaj muziko devus esti loka aŭstralia kompilo. Mi havas nenion, mi petis de esperantistoj ĉu iu havas esperanto-kantojn aŭstraliajn, mi havas nur unu de OLIVIER TSAŬD, sviso. Faluo donis unu malgrandan diskon kun 4 kantoj faritaj en Molvel lernejo. Mi skribis al Tom Elliot el la libroservo, li sendis unu kasedon kun kantoj, kiuj al mi sonis malbele, do mi resendis, iu donis disketon malgrandan de Margaret Hill. Post unu monato mi eksciis ke Anna Doggett estas muzik-instruistino en Korfild



lernejo por knabinoj. Mi petis ŝin ĉu eblos ke ŝi instruu kelkajn kantojn en Esperanto, ŝi volonte akceptis kaj 2 monatojn poste estis preta por registri. Mi havis malnovan amplifikilon kiu taŭgas por sonbendigi, ĉiu ilaro estis malnova aŭ mi mem faris laŭ mia sistemo. Anna havis 30 knabinojn en ĉambro kiu taŭgas por la sono. La kantoj estas Li Marle, kantis unu el ŝiaj viraj studentoj, O" Ŝanando. La aliaj estis knabinoj, ni unue faris agordan provon por la amplifikilo. La kantoj estis : Botany Bay, Lulkanto, Feliĉa Vagabondo, Londono Brulas. Ni devis prepari kion diri, ĉefe estis informado pri grupoj, adresoj, instruado, kontakto monde, ofte angle diskonigi pri Esperanto,doni adresojn de kluboj. En la komenco skribis Harrold Biĉi, korektis Errol Ĉik, ĉar li legis kaj mi kontrolis la panelon. Okazadis oftaj regulaj kunvenoj, deĵorado ĉe radio-stacio, kaj ĉiu grupo devus deĵori 3 horojn 2-foje semajne. Kiam mi menciis tion ĉe nia komitat-kunveno kaj provis organizi kiu deĵoros je kiu tago okazis malakordo inter ni kaj fine la decido estis ĉesi la Esperanto-programon en la radio. Decido estis ke je la sekva programo mi devos diri al la estraro de la radiostacio,kaj ni volas ĉesi. Kiam mi diris tion al IBRAHAMO ke niaj komitatanoj decidis ĉesi hodiaŭ pro malkonsento pri deĵorado, li respondis ke tio estas stulteco se vi ĉesos. Memoru ke neniam plu vi havos tiun ŝancon. Mi diris ke mi ne havos sufiĉe da membroj, lia respondo estas, faru vi mem, trovu iujn eĉ ne Esperantistojn, sed ne ĉesu.

Kiam mi eniris la studion mi unue anoncis ke mi venis hodiaŭ por anonci ke ni ĉesos la programon, sed ke mi ne faros tion. Mi daŭrigos eĉ se la komitato decidis ĉesi. TIO OKAZIS la 7an de AŬGUSTO 1989. Do 3 monatojn post la komenco. Mi daŭrigis sola ĉe radio kun helpo de ĉiuj individuoj, eĉ mia filino Gordana kaj bofilo Terry kaj foje laŭ peto de ĉiu flanko iuj helpis por legado, intervjuoj. Ankaŭ gastoj kiuj vizitis Aŭstralion, helpis. Ĝis la 15a de Oktobro 1992, kiam okazis seminario. Dufoje al seminario venis nova persono kiu venis el Anglujo. Mi daŭrigos venontan semajnon.



Svetislav Kanaĉki stevskank@hotmail.com




## [eo] Novaĵoj – Fraplinioj (Frap-linioj) de BBC World News (24/07/2013)

https://www.youtube.com/watch?v=cz4UBlQquZk

Kara Roger,
Sur paĝo 1 mi trovis vian surskribon, ke ni alklaku la bluajn lokojn. Mi ne trovis bluajn lokojn, en mia komputilo mi nur trovis verdajn lokojn.
(Mia komputilo havas bluajn lokojn Roger S)
Sur paĝo 5 mi trovis 2 foje la vorton : ĉampanjo, devus esti ĉampano.
Sur la sama paĝo, la nomo de Paŭlo de Sali estas : Paul Desailly. Vi povas kontroli lian nomon en via membrolisto.
Saluton. Volo Vplp2010@live.com (Dankon Roger S)



ATENCI **Vortoj de "Lernu"**

1. Provi mortigi iun, kiun oni devus respekti:
Hodiaŭ iu atencis la reĝon.
Ĉu tio estis atenca provo kontraŭ la reĝo?
Okazis atenco per bombo kontraŭ la prezidento.
2. Provi detrui aŭ difekti ion, garantiitan de la leĝoj:
Ne atencu miajn rajtojn kaj liberecon.
Malobeante regulojn de la gramatiko vi atencas la lingvon.
Tiu aĉulo atencis la honoron de virgulino.
Ĉu temas pri seks-atenco?